UNUA JARO. — N° 2. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 2 JULIO 1905.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
S° Paul BERTHELOT
CÉRÉT (P.-O.) Franco.

Nenian manuskripton sendu al la Administranto.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo.
10 abonoj je la sama adreso : 24 fr. nur en Franclando.

REKLAMO-ANONCOJ
Agento Ĝenerala : S° EMILE GASSE
51, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

REDAKTADO :
S° Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey. DIJON (Côte-d'Or, Franco.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.

*La numero* **3** *de* **Esperanto** *eliros DIMANĈO 16 JULIO.*

KARA SINJORO,

Mi ricevis la unuan numeron de Via gazeto « Esperanto » kaj mi dankas Vin kore. Mi legis la numeron kun plezuro kaj granda intereso. Mi deziras al Via entrepreno la plej bonan sukceson.

Via

L. ZAMENHOF.

## ESPERANTISTA FESTO

### en Bray-sur-Seine

La esperantistaj grupoj de Sens, Fontainebleau kaj Provins kuniĝis la dimanĉon 28 majo en Bray-sur-Seine, por tie festi siajn unuajn sukcesojn en la batalado por la triumfo de Esperanto.

Pli ol sesdek esperantistoj respondis je l'alvoko de l'komitatoj. Antaŭ la dekunua horo gaja tintado de tintiloj anoncas l'alvenon de l'Provins'a grupo komforte lokita en veturilego. En nubo de polvo kaj en la blindiga brileco de tro kompleza suno, la graciaj sinjorinoj kaj la plaĉaj fraŭlinoj, tute griz-pudritaj, desaltas malpeze sur la teron. *Atendante la ceterajn grupojn*, la ĝoja bando sin dissemas tra la herbejoj inter la lekantoj kaj la ranunkoloj. Vera festo de l'naturo kaj de l'printempo. Tiuj ĉiuj helaj tualetoj, kiuj superas la kanojn kaj la altajn herbecajn vegetaĵojn, donas impreson de freŝeco kiu iomete ebrietigas.

Fine la Sens'anoj aperas en ega veturilo sur kiu ondas laŭ ventoblovo la stelo verda de l'esperantistaro. La prezentoj estas rapide faritaj kaj la plej granda koreco baldaŭ naskiĝas kunigante la membrojn de l'du grupoj.

La Fontaibleau'anoj troviĝas en rendevuejo kaj ĉirkaŭ la dekdua horo la sindonema honora prezidanto de l'Provins'a grupo, Sro Subprefekto Adam alvenas por atesti sian interesiĝon al esperanta afero.

Oni sin nun okupas kontentigi apetitojn akrigitajn de kelkaj vojaĝaj horoj. Sesdekses manĝilaroj ilin atendas en hotelo de l'Blanka Chevalo, kaj baldaŭ en la ĉambrego aŭdiĝas la agrabla muzikado de forketoj forte movitaj.

Afablaj konversacioj fariĝas nature en esperanto kun plej granda facileco. Sinjoroj Baudoin, prezidanto, kaj Deshays, secretario de l'Sens'a grupo (ambaŭ profesoroj en la Liceo), same kiel Sro Procureur, el la Gimnazio de Fontainebleau, kaj ankaŭ multaj aliaj lertegas en la uzado de tiu ĉi lingvo. La ceteraj ne volas esti venkitaj kaj baldaŭ la esperanta interparolado ĝeneraliĝas.

Por doni ankoraŭ plian viglecon kaj gajecon al tiu manĝo jam tiel viva, la prezidanto de l'Provins'a grupo, Sro Hugo, petas Sinjorinon Reddet ludi sur la fortepiano esperantan arion.

Akompanita per violono de Sro Soisson, la bonega muzikantino majstre ludas la esperantan Valson de Sro Lucien Bernot.

Sro Hugo, feliĉa pri la sukceso de l'festo, dankas esperante ĉiujn kiuj bonvolis kunhelpi al ĝia organizado, precipe la grupanojn de Sens, kiuj, en nombro de pli ol tridek, alveturis laŭ alvoko de l'komitato. Post kiam Sro Hugo arde toastis pri la sukceso de l'esperanto kaj pri siaj amikoj de Provins, Sro Subprefekto Adam kaj Sro Vernant, direktoro de l'ĵurnalo *Le Briard*, tiam Sro Deshays trinkas je la sano de l'sinjorinoj kaj fraŭlinoj, sen kiuj la festo ne estus kompleta.

Post tio farita, Sro Hugo preparas novan muzikan interludon.

Du el la plej ĉarmaj Provins'aninoj, Fraŭlinoj V... kaj P..., kantas plaĉegan esperantan kompozicion. « La lasta veturisto de l'Sankt-Gotardo. » Iliaj voĉoj estas vivplenaj kaj vibrantaj, la dirado perfekta kaj la aŭdantoj aŭskultas rave la helajn vokalkantojn de la graciulinoj.

Petegitaj de ĉiuj, tiuj ĉi fraŭlinoj malrifuzas kanti, ĉiam en esperanto, Himnon al Zamenof, verkitan kaj kompoziciitan de Sro Deshays, kiu akompanas sur la fortepiano. De la unuaj taktoj, la aŭdantoj povas admiri la talenton kune poezian kaj muzikan de l'kompoziciinto kiu kreis verkon plenan je harmonio kaj fortikeco. Oni sekvas la penson de l'aŭtoro al l'humila scienculo, kiu donis al ni esperanton, kaj ni sentas kun li profundan admiron por tiu viro kiu, dum pli ol kvardek jaroj, funde esploris la eŭropajn lingvojn celante eltiri tiun ŝategindan kvintesencon, kiu estas esperanto.

Nenio povis plibone interpreti la sentojn de l'poeto, ol tiuj du junaj kaj riĉaj voĉoj, kiuj sin superis por lasi la aŭdantaron sub la ĉarmo de plaĉega kaj emociega impreso.

Post la manĝo, la gaja esperantista bando iras sur la bordon de la Seine por sin amuzi. Herbejo, najbara de l'rivero, baldaŭ fariĝas kampara salono, kie helaj ekkrioj distintas inter la tremfoliaj poploj.

Dank'al la komplezeco senfina de Sro Baudoin, tuj balo organiziĝas en libera aero. Estis unu el la plej agrablaj momentoj de l'tago, kaj vere ĉio favoris la feston.

Mole sin longigante inter du linioj de kanoj dispunktitaj de orfloraj iridoj, la dormanta Seine donas al la dancejo freĉecon tre ŝatitan. Tra la juna foliaro de l'poploj kaj de l'salikoj, la sunradioj fluas dolĉe sur la gajajn parojn. Kiel tapiŝo, densa tavolo de herboj, kie lekantetoj kaj ranunkoloj ŝajnas miri ke ili estas piedpremitaj de tiel plaĉa kunularo.

Dum la senlaca muzikanto elĵetas sen interrompe la vivegajn notojn de l'polkoj kaj de l'kvadriloj, la radiantaj gedancantoj turnas inter la ĝiboj kaj truoj de malglata tero — interŝanĝante agrablajn parolojn.

Fariĝas poste diversaj ludoj, ĉiam plenaj ja neelĉerpebla gajeco, kaj kiam ĉiuj estas tre lacaj pro kurado kaj saltado, rondo sin formas ĉirkaŭ la okazaj artistoj, kiuj senlaciĝos la ĉeestantaron . . . . . . . . . . .

Sed, ĉio havas finon, necese estas ke oni forlasu dancojn kaj kantojn.

Post kiam ili adiaŭis siajn amikojn, la esperantistoj de Provins reeniris la veturilegon aŭ reprenis la bicikleton por reenruli al l'antikvaj remparoj kun flavaj levkojoj. Kaj oni aŭdis ankoraŭ en la verda kaj ridanta valo de la Voulzie la galopadon de tri ĉevaloj kiuj forte trenis la graciajn sinjorinojn, la plaĉajn fraŭlinojn kaj la grizpudritajn sinjorojn, kiuj gaje interparoladis pri la pasita festo. Kaj dum la suno, laca de siaj printempaj penoj, malaperis iom post iom en korizonto de soifanta verdaĵo, la grupo de Provins revenis, ne sen domaĝo, la malnovan urbon de l' rozoj.

Tradukita el jurnalo *Le Briard.*

## UNIVERSALA KONGRESO

### EN BOULOGNE-SUR-MER

*de la 5ª Gis la 13ª Augusto 1905*

ORGANIZO DE LA BALO KUN NACIAJ KOSTUMOJ KAJ DE LA KONCERTOJ

Dum la **1ª Universala Kongreso de Esperanto,** kiu okazos proksiman Aŭguston sub la prezido de Dro L. Zamenhof, en Boulogne-sur-Mer, estos organizataj vesperkunvenoj kiuj konsistos precipe el **balo kaj koncertoj**.

Estas de nun necese prepari tiujn kunvenojn por ke ili havu kiel eble plej grandan sukceson. Ni ne dubas ke se ni atingas tiun celon, ni estos incitintaj la kuriozecon de la skeptikuloj kaj de la indiferentuloj kiuj nepre estos tiam esperantistigotaj. Tial, tiuj festoj devas esti zorge pripensataj kaj de longe organizataj.

**BALO.** — Laŭ la opinio de kelkaj Kongresontoj, ni pensis ke estus bone ke en la balo partoprenu multaj fremduloj kun naciaj aŭ regionaj vestaĵoj. Tiu balo estus tiel originala festo kiu elmontrus tute bone la diversecon de la nacioj reprezentataj en la Kongreso ; plie, kaj precipe, la interkompreno per Esperanto estus pli konstatebla kaj farus gravan impreson sur la granda amaso da libertempuloj kaj da turistoj kuij ĉiujare vizitas Boulogne-sur-Mer dum Aŭgusto. La balo devas do esti fruktoplena propagandilo Ni estas certaj ke ĉiuj gekongresontoj komprenos la gravecon de tiu kunveno kaj **ni ne scius tro insisti por ke kiel eble plej multaj el ili skribu al ni post ne longe promesante alveni kun naciaj, regionaj kaj variaj kostumoj.** Ni estos tre dankemaj al ĉiuj kiuj bonvolos aŭdi nian alvokon.

**KONCERTOJ.** — Alia grava punkto pri festoj kongresaj estas tiu kiu celas la organizadon de la koncertoj. Eble okasos almenaŭ du koncertoj, nur esperantistaj kompreneble ; ĉar ilia sukceso postulas ke la partoprenantoj estu diverslingvaj, por pruvi ke Esperanto estas same elparolata en ĉiuj nacioj, ni petas ĉiujn kiuj povas kanti, deklami aŭ ludi muzikilon ke ili bonvolu :

1e Sendi al ni la tekstojn de la verkoj kiujn ili intencus prezenti ;

2e Sciigi al ni kiujn tagojn ili **nepre** estos en Boulogne-sur-Mer.

La solvoj de tiuj demandoj tre helpus la formadon de niaj programoj. **Multegaj estu la respondoj !**

Ni esperas ke tiu ĉi alvoko nia estos aŭdata en la esperantistaro kiu venos al Kongreso kaj ni sciigas ke ni dezirus ricevi, kiel eble plej baldaŭ, la respondojn kiuj estos adresataj al :

Sro **Paul BOULET,**
*Vicsekretario de la Grupo Esperantista*
49, Strato Louis-Duflos
BOULOGNE-SUR-MER (France)

* * *

ORGANIZO DE LOĜADO

La Kongresanoj kiuj deziras esti certaj pri konvena loĝado kaj loĝi apud la Kongresejo devas nun lui ĉambrojn. Pri tio la speciala Komisiitaro faras kun la luigantoj kontrakton skribatan je la nomo de la Kongresanoj.

Tiuj Kongresanoj devas tuj :

I. Sendi al ni almenaŭ tri frankojn po ĉiu tago.

II. Sciigi la datojn de alveno kaj de foriro.

III. Sciigi siajn apartajn dezirojn kiujn oni klopodos plenumi.

Tiuj kiuj povas pagi 4 aŭ 5 fr. po ĉiu tago havos nature proporcian ĉambron. — Sed, por faciligi bonan elekton, oni bonvolu mendi autaŭ *fino de Junio.*

Sin turni pri tio al : Fraŭlino PANNEVIN, 73, rue des Vieillards, Boulogne-sur-Mer.

aŭ : Sinjoro BRUNET, 5, rue du Bras-d'Or.

ORGANIZO DE EKSKURSO EN ANGLOLANDON

Tiuj kiuj volas viziti esperantistajn havenojn anglajn kaj havi rabaton devas tuj sciigi tion, ĉar Vojaĝa Societo proponas organizi specialan vaporŝipon kiu foriros la 10an de Aŭgusto el Boulogne por viziti Folkestone, Dover, Deal, kaj reveni per franca haveno Calais

Eble la ekskurso daŭros 2 tagojn sed grava afero estas tuj lui ŝipon. Por tio oni devas koni nombron da aligantoj.

Sin turni kiel eble plej rapide al : LES VOYAGES MODERNES, 1, rue de l'Échelle, Paris. (1er).

aŭ : GRUPO ESPERANTISTA DE BOULOGNE-S/MER.

* * *

AVIZO

Okaze de la estonta kongreso, multaj Esperantistoj verŝajne pasos tra Parizo, ĉu irante al Boulogne, ĉu revenante. La Grupo Pariza tre ĝoje kaj kore ilin akceptos ; kaj ĝi estas preta por ilin helpi pri serĉado de oportuna momenta loĝejo aŭ pri ĉiaj aliaj bezonajoj.

Sin turni al la sekretario :

S° V. CHAUSSEGROS, *3, place Jussieu, Paris.*

## INTERNACIA LIGO

### Esperantista

(SEKVO)

Ŝajnos eble strange, ke, en *propaganda* gazeto, oni kredis bona rakonti tiujn du malfeliĉajn provojn. Sed, ĉu la novaj adeptoj de nia lingvo ne devas koni la pasintaĵon, ĉu ili ne devas scii la mallertajn antaŭajn paŝojn, ĉu ilin sciante ili ne pli facile evitos la rekomencon de tiaj senprosperaj agadoj ?

Kiel iam skribis nia amiko S° Th. Cart, oni ne devas dum la batalado esplori sian pafilon. Se oni havas bonan armilon en manoj, oni devas ĝin uzi, kaj nur kiam la fina venko estos alveninta oni provos ekzameni ĉu la batalilo estas plibonigebla aŭ pliboniginda.

Estos do utile por la novaj Esperantistoj, ekscii kian rektan malutilon povas alporti al nia entrepreno vana disputado pri detaloj negravaj de la lingvo ; kaj ankaŭ la kongresanoj povus profiti tiun historian lecionon por la *bono* de la afero.

* * *

Nun venas la demando : « Kion ni devos fari dum la proksima kongreso ? »

Ĉu Ligo estas ebla aŭ, se ĝi estas ebla, ĉu ĝi estos oportuna ?

Kian rolon ĝi devas preni sur sin ? Kiu ĝin regados ? kc.

* * *

La antaŭaj malsukcesoj pruvas nedisputeble, ke reformo de la lingvo estas danĝera paŝo ; kaj la konstanta kreskado de nia afero, de l'tempo kiam ĉesis la disputoj pri ŝanĝadoj, pruvas sen ia dubeto, ke ni devas daŭrigi laŭ tiu bona vojo kaj propagandi la lingvon tian, kia ĝi estas.

Ĉiuj esperantistoj estas unuanimaj pri tiu punkto, kaj mi ĉi-tie ripetas nur decidon universale akceptitan.

Sed, ne nur ni ne volas nun eĉ ŝanĝi unu komon en nia lingvo, sed plie ni volas firmigi, certigi ĝian unuformecon en la tuta mondo kaj ĝian staremon.

Tial ni nun ne bezonas reformeman sed male konservativan Ligon aŭ Komitaton.

Pri tio ĉiuj ankaŭ konsentas kaj jam de longe kelkaj amikoj, kiel ekzemple S° Pro Aymonier el Grenoble, proponis fondon de ia aŭtoritata, konservativa, leĝodonanta Akademio.

Nun kiamaniere povos estis efektivigita tiu akademio aŭ Centra Komitato. Laŭ mia persona opinio ĝi povas nur ekzisti post fondo de internacia Ligo de Esperantistoj kaj esperantistaj Societoj. Komitato sen Ligo estus kapo sen korpo, generalo sen armeo, leĝdonanta parlamento sen popolo obeonta tiujn leĝojn. Devas do nepre ekzisti ia Ligo, kies anoj promesos, ke ili obeos la decidojn de la Komitato.

Por pruvi la neeblecon de la fondo de tiu Ligo, oni pretendas ke la unua kongreso ne havas sufiĉan aŭtoritaton. Jes, tio estus ĝusta se la unua Kongreso volus tuj fondi vere la Ligon kaj ĝian regularon. Tre certe la kongresanoj ne povos *detale* aranĝi la aferon, kaj tiu kontraŭdiro kontraŭ fondo tuja de Ligo, ankaŭ valoras kontraŭ tuja fondo de simpla komitato lingva sen Ligo.

Nune la sperto de la antaŭaj provoj montras ke *detala* regularo proponita povus esti kaŭzo de gravaj disputoj kaj certe kondukus nin al malsukceso. Due, ĉiuj, kiuj ofte ĉeestis ĉe internaciaj kongresoj scias ke tia vasta anaro tute ne povas alveni al ia difinita konkludo pri detalaĵoj.

Cetere la kongresanoj ne havos sufiĉan aŭtoritaton. Eĉ se ĉiuj nun ekzistantaj Societoj sendus unu reprezentanton rajtigitan, ili tute ne povus difini antaŭe la rolon kaj la devon de tiu reprezentanto, ĉar neniu scios antaŭe, kion oni diros, kion oni decidos aŭ povos decidi. Estus do necese, ke ĉiuj reprezentantoj estus tre spertaj Esperantistoj por ke ili povu bone juĝi ; kaj tio ne okazos. Ne la plej *lertaj* sed la plej **riĉaj** Esperantistoj ĉeestos la Kongreson ; kaj la rezultato de la voĉdonado estus nur simpla esprimo de tiuj kiuj havis sufiĉan tempon kaj monon por veturi ĝis Boulogne-sur-Mer.

Konsekvence mi firme opinias, ke tiu unua kongreso povas nur voĉdoni pri ia simpla *principa* decido, pri decido tiel evidente justa kaj prava ke ĝia universala akcepto estos neduba.

Laŭ tiu principo, la nunaj Societoj, *post la kongreso*, unuiĝos en Ligo kaj provizora komitato preparos planon detalan pri la organizacio de tiuj Ligo kaj Komitato.

Laŭ tiu plano, laŭ *difinita* voĉdona maniero, la unuiĝintaj Societoj povos poste starigi definitive kaj firme dum *dua* Kongreso la definitivan komitaton.

* * *

Restas do nur esplorota kia devas esti tiu *principa* decido.

La rolo de la Ligo povas esti lingva aŭ propaganda.

Ĉiuj konsentas pri la lingva, konservativa, gardanta rolo ; sed kelkaj opinias ke,

krom tiu lingva rolo, la Ligo tute ne devas havi alian aŭtoritaton.

Tia ne estas mia persona opinio.

Tre certe mi estas fervora partiano de la sendependeco de ĉiuj societoj ; mi ĉiam fervore eĉ energie defendis tiun sendependecon por kiu mi eĉ bataladis. Mi ĉiam proklamis kaj proklamas ke propagando en ĉiu lando devas esti farata de *nacia* societo, en ĉiu urbo de *loka* grupo ; ke tiuj naciaj Societoj aŭ lokaj Grupoj devas esti kiel eble plej sendependaj ĉar nur la enlanduloj ĝuste scias, kion oni devas fari en la lando, kie ili loĝas.

Same por la lernolibroj. Dum kelkaj pretendis, ke plej bone estus se oni simple tradukus en ĉiujn lingvojn iajn bonajn naciajn (ekzemple francajn) lernolibrojn kaj vortarojn, mi kontraŭe pretendis, ke por ĉiu lingvo la lernolibroj devas esti speciale verkitaj de homoj, kiuj parolas tiun lingvon de sia naskiĝo. Anglaj, hispanaj lernolibroj devas esti verkitaj kaj presitaj de Angloj, Hispanoj. Kaj mi, laŭ miaj tutaj fortoj, helpis al la efektivigo de tiu ideo.

Sed, fervora partiano de nacia kaj loka sendependeco por naciaj kaj lokaj propagandoj, mi tamen opinias ke internacia kunhelqado estos necesa por *internacia* agado.

* * *

Ju pli nia lingvo disvastiĝas, des pli internacia fariĝas nia afero. Por kio povas utili la lernado de la lingvo, se samtempe ni ne faciligas la internaciajn interrilatojn. Ciutage nuntempe fariĝas grandaj internaciaj kunvenoj. Kvankam tiuj kunvenoj, kompreneble, okazas en ia difinita loko, tamen ili ne estas *lokaj* okazintaĵoj, sed *internaciaj*.

En tiaj okazoj, internacia propagando estas nepre necesa ; kaj por klarigi kaj precizigi mian penson, mi donas ekzemplon :

Lastjare estis en Saint-Louis (Ameriko) vasta internacia ekspozicio. La Grupo Pariza organizis en Saint-Louis esperantan ekspozicion. Por tio ĝi alvokis helpon de ĉiuj esperantistoj. Kelkaj societoj afable respondis kaj efike kunhelpis ; multaj silentis. La tutan elspezon pagis la Grupo Pariza kaj ĝi eĉ ne povis trovi *unu* Esperantiston en Ameriko, kiu alportus helpon. Konsekvence, post multaj klopodoj, elspezo da pli ol 2.000 frankoj, ĝi nur ricevis moralan kontentiĝon sub formo de arĝenta medalo, sed la vera celo ne estas trafita, la vera celo, nome la propagando internacia, tutmonda en tiu tutmonda kunvenejo, ne estas kontentige atingita. Kio okazus se kontraŭe ekzistus ia internacia potenca Ligo ? Se, ne la izola Grupo Pariza, sed la internacia Ligo organizus tian elmontron ? Tiam ĉiuj fortike kunlaborus, tiam la fortoj kolektitaj de ĉiuj flankoj konverĝus al tiu sola trafotaĵo, kaj la rezultato estus verŝajne dekoble pli profita.

Hodiaŭ ankoraŭ estas en Lieĝo * (Belglando) unu universala ekspozicio. Cu tio ne estas ankaŭ favora okazo ? Cu ekzistas tie ia esperanta ekspozicio? Mi nenion aŭdis pri tio. En Lieĝo tamen ekzistas Grupo Esperantista sed verŝajne ĝi ne estas sufiĉe forta aŭ riĉa por organizi tian elmontron ; kaj aliaj grupoj esperantistaj ne kuraĝis fari tian ekspozicion, timante ke ili malkontentigos la Lieĝanojn, ŝajnante fari *konkurencon !* Jen kial mi opinias ke flanke de la lingva demando, la Ligo povos ankoraŭ utili por internacia propagando en internaciaj okazoj kaj nur en tiaj okazoj.

CARLO BOURLET.

Kiel sekvo de tiu interesa studo de la ĝisnunaj provoj de *Internacia Ligo Esperantista*, ni donos en la venonta n-ro de *Esperanto* la diversajn projektojn prezentotajn pri tiu temo en la Bulonja Kongreso, t. e. projektojn de S° *Deligny*, tiu de D^ro^ *Zamenhof* mem, tiu de la *Grupo Pariza*, kaj tiu de la Komitato de la *Société française* pour la propagation de l'Esperanto.

Noto de la Red.

*) *Lieĝo* : Liège, Luik, Lüttich.



## VOLAPÜKO

Oni parolas ofte pri la mortinta volapüko, sed la plimulto scias pri ĝi tion solan, ke ĝi estis strangaĵo preskaŭ neelparolebla. Mi opinias ke utilos al esperantistoj koni pli precize tiun faman antaŭulon de esperanto.

Jen do estas kelkaj informoj pri tiu lingvo, kiun kreis en jaro 1880 la pastro Schleyer.

### Elparolado

| | | | |
|---|---|---|---|
| ä = è | franca, ekzemple | fägik | « kapabla » |
| c = tch | » » | cog | « ŝerco » |
| e = é | » » | fel | « rampo » |
| j = ch | » » | jäfön | « krei » |
| ö = eu | » » | Bömän | « Bohemujo » |
| ü = u | » » | üb | « super » |
| x = x | » » | xab' | « hakilo » |
| y = y | » » | yel | « jaro » |
| z = ts | » » | zadik | « mola » |

La ceteraj literoj *a, b, d, f, g, h, i, k, l, m, n, o, p, r, s, t, u, v,* havas nenion rimarkindan por esperantistoj.

### Artikoloj

*el* = la ; *un* = (unu) ; sed oni uzas ilin nur en okazo de nepra neceseco.

### Nomoj

La nomoj en volapüko sin deklinacias laŭ kvar kvazoj :

| | | |
|---|---|---|
| Unu nombro : | söl | « la sinjoro » |
| | söla | « de la sinjoro » |
| | söle | « al la sinjoro » |
| | söli | « la sinjoron » |
| Multenombro : | söls | « la sinjoroj » |
| | sölas | « de la sinjoroj » |
| | söles | « al la sinjoroj » |
| | sölis | « la sinjorojn » |

Oni ricevas la inan formon antaŭmetante la prefikson *ji* : de *son* « filo » venas *jison* « filino ».

### Adjektivoj

La adjektivoj finiĝas en *ik* kaj sin lokas ĉiam post la nomo. Ili neniel ŝanĝiĝas, ekz. : *gletik* « granda, grandan, grandaj, grandajn », *gudik* « bona,... »

| | | |
|---|---|---|
| Gradoj : | gudikum ka | « pli bona ol » |
| | gudikün | « la plej bona » |
| | vemo gudik | « tre bona » |

### Numeraloj

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| bal | 1 | mäl | 6 | balsebal | 11 |
| tel | 2 | vel | 7 | tels | 20 |
| kil | 3 | jöl | 8 | tum | 100 |
| fol | 4 | zül | 9 | mil | 1.000 |
| lul | 5 | bals | 10 | balion | 1.000.000 |

Kaj ankaŭ :

| | | | |
|---|---|---|---|
| telid | « dua » | telido | « due » |
| telik | « duobla » | telil | « duona » |
| telna | « dufoje » | telön | « duobligi » |

### Pronomoj

| | | | |
|---|---|---|---|
| at | « tiu ĉi » | et | « tiu » |
| it | « mem » | ot | « sama » |
| ut | « tiu... (kiu) » | votik | « alia » |
| kim, jikim | « kiu ? » | kis | « kio ? » |
| kiom | « kia ? » | kel | « kiu » |

k. t. p. La personaj pronomoj sin deklinacias kiel nomoj, ekzemple : *ob* « mi », *oba* « de mi », *obe* « al mi », *obi* « min ».

Jen ili estas :

| | | | |
|---|---|---|---|
| ob | « mi » | obs | « ni » |
| ol | « ci, Vi » | ols | « vi » |
| om | « li » | oms | « ili » |
| of | « ŝi » | ok | « si » |
| os | « ĝi » | on | « oni » |

La posesivaj prenas la finon adjektivan *ik* : *obik* « mia ».

### Verboj

Unue ĉiu tempoformo sin konjugacias laŭ ĉiuj personoj alprenante la personajn pronomojn tiamaniere :

| | |
|---|---|
| löfob | « mi amas » |
| löfol | « ci, vi amas » |
| löfom | « li amas » |
| löfobs | « ni amas » |
| löfols | « vi amas » |
| löfoms | « ili amas » |

La tempoformoj estas en nombro de ses :

| | |
|---|---|
| löfob | « mi amas » |
| älöfob | « mi estas aminta » |
| elöfob | « mi amis » |
| ilöfob | « mi estis aminta » |
| olöfob | « mi amos » |
| ulöfob | « mi estos aminta » |

Ok estas la modoj, kaj ĉia modo ricevos la ses tempoformojn :

| | | |
|---|---|---|
| Indikativo : | löföb | « mi amas » |
| Subjunktivo : | löfob-la | « (ke) mi amu » |
| Kondicionalo : | löfoböv | « mi amus » |
| Dezira modo : | löfobös | « se mi amus ! » |
| Imperativo : | löfoböd | « mi amu » |
| Deva modo : | löfoböz | « mi devas ami » |
| Infinitivo : | löfön | « ami » |
| Participo : | löföl | « amanta » |

Sep estas la formoj de la verboj :

| | | |
|---|---|---|
| Aktivo : | löfob | « mi amas » |
| Pasivo : | palöfob | « mi estas amata » |
| Daŭra formo : | ailöfob | « mi amadas » |
| Resenda formo : | löfobok | « mi min amas » |
| Reciproka formo : | löfobs okis | « ni amas reciproke » |
| Nepersona formo : | nifos | « neĝas » |

Ĉia verba formo ricevas ĉiajn modojn kaj tempojn. Oni kalkulu : 7 formoj × 8 modoj × 6 tempoj = 336 formoj, ne kalkulante l'almeton de naŭ personaj finiĝoj.

Tiu volapüka verbo estas preskaŭ tiel malsimpla kiel tiu de la antikva greka lingvo mem, kaj oni vidas kiel malmulte la diversaj formoj diferencas unu de la alia.

### Vortformado

La vortoj estas elĉerpitaj el la germanikaj lingvoj kaj precipe el la angla ; oni prenis ankaŭ vortojn el la franca, hispana kaj itala. Sed pro kelkaj specialaj reguloj tiuj vortoj estis tiel aliigitaj, ke oni ne rekonas ilin. Ekzemple :

| | | |
|---|---|---|
| pük | « lingvo » | (angle : speak) |
| vol | « mondo » | (ang. : world) |

De tie venas ke *vola-pük* signifas « de-la-mondo lingvo ».

| | | |
|---|---|---|
| nol | « scio » | (ang. : knowledge) |
| bel | « monto » | (germ. : berg) |
| lab | « havo » | (germ. : haben) |
| tlup | « bando » | (france : troupe) |
| tal | « tero » | (france : terre) |
| dip | « diplomatio » | (internacie : diplomatie) |

Mi ne volas tedi la legantojn per tro longaj detaloj, ĉar neniu en nuna tempo bezonas plene koni volapükon ; sufiĉas ekkono. Mi do finas donante teksteton :

O fat obas, kel binol in süls, paisaludomöz nem ola ! Kömomöd monargän ola ! Jenomöz vil olik, äs in sül, i su tal ! Bodi obsik vädeliki givolös obes adelo ! E pardolös obes debis obsik, äs id obs aipardobs debeles obas. E no obis ninduko-lös in tentadi ; sed aidalivolös obis de bad. Jenosöd.

Ĉu vi komprenis ? Estas tamen facile rekoni tie ĉi la konegatan preĝon : « Patro nia kiu estas en la ĉieloj » !

Sroj Couturat kaj Leau en sia *Histoire de la Langue universelle* skribis pri tiu lingvo : « La manko de harmonio estas nenio kompare kun la vido stranga kaj malagrabla de unu volapüka paĝo, kie ĉio malkvietigas la okulon kaj la spiriton, kie nenio primemorigas la eŭropajn lingvojn nek helpas la memoron. Oni kredas havi negocon kun lingvo barbara, analogia je la *meksika* aŭ la *malgaŝa* lingvo. Tiu ĉi vido nur elmontras la mankon de internacieco de la konsistigaj elementoj de la lingvo. »

## BIBLIOGRAFIO

Oni anoncas la baldaŭan publikigon de *Granda Vortaro Franco - Esperanta.*

« Tiu klopodiga laboro, diras la prospekto, estas farata laŭ tute apartaj kondiĉoj, pro kiuj ĝi fariĝis verko vere fundamento por Esperanto. Efektive, ĝi estas redaktata kunlabore de malnovaj esperantistoj, kaj — kio estas pli grava — de diverslingvuloj.

» Lukse eldonata, laŭ granda formato, la nova vortaro enhavos ĉirkaŭ du mil paĝojn da teksto dukolone kompostita. Por plifaciligi ĝian akiron por ĉiuj esperantistoj, ĝi eliros en kajeroj, kiuj estos senprokraste sendataj al la antaŭmendintoj.

» La antaŭmenda prezo estas 15 frankoj por ĉiu ekzemplero por ĉiuj personoj, kiuj alvenigos al ni sian mendon antaŭ la apero de la unua kajero.

» Oni sin turnu al *Presa Esperantista Societo*, 33, rue Lacépède, Paris. »

Nature tiu verkego ne taŭgos por komencantoj de lernado de Esperanto. Sed ni opinias ke ĝi estos bonega por la lingvo Zamenhofa. Tial ni rekomendas ĝin al niaj legantoj.

* * *

*Himno al Zamenhof*, poemo kaj muziko de R. DESHAYS, prezo 1 fr. Paris, Hachette.

(Vidu supre « Esperantista festo »)

* * *

*En sonĝo*, melodio. Poezio de H. Heine. Traduko de D° ZAMENHOF, muziko de L. RIGOIR. Prezo 0 fr. 50.

Vendata ĉe S° Rigoir, 20, rue des Ormes, Charenton.

Tiu ĉi kompozicio estas disvendata por la blinduloj.



# VORTARETO ESPERANTO-ESPERANTA

## AVIZO AL LEGANTO

Ni komencas hodiaŭ la publikigon de tiu unua provo de vortaro pure internacia.

Jam de longe tia verko estis postulata de la Esperantistaro kaj jam de longe ĝin komencis diversaj samideanoj. Efektive ĉar nia lingvo naskas la plej multon de siaj vortoj per logika devenigo el malmultaj simplaj radikoj, estas plej necesege ke la senco de tiuj ĉi estu akurate fiksita kaj ne lasata al la libera fantazio de ĉiu. Ni ne bezonas prezenti ĉi-tie la diversajn malbonojn kiujn manko de tia pralaboro alportis al nia afero : niaj revuoj estas plenaj je plendoj kaj riproĉoj je tiu temo. Ne nur ofte oni trovas tri, kvar formojn por unu senco, sed ofte ankaŭ unu radiko akceptas multajn sencojn malsimilajn laŭ la diversaj vortaroj. En la fundamenta universala vortaro eĉ, kelkfoje la tradukoj diverslingvaj diferencas, ĉar ofte estas neeble akurate transdoni en ia lingvo la sencon precizan de unu vorto de alia lingvo.

Por eviti tiun malfacilon ni kolektis ĉiujn formojn kaj sencojn kiuj ŝajnis al ni rimarkindaj el la literaturo Esperantista, kaj ilin klasigis alfabete. El tiu vortamasego ni tiras la jenan vortareton, konsistantan nur el la radikoj la plej naskemaj de nia lingvo, t.e. tiuj el kiuj devenas la plej multegon de niaj vortoj.

* * *

Oni sendube rimarkos ke tie ĉi ne estas ĉiuj vortoj de l'*Universala Vortaro* kaj ke estas kelkaj radikoj kiujn oni ne trovas en tiu lasta. Sed, pri tiuj kiuj estas samtempe en ambaŭ verkoj, ni prekaŭ ĉiam prenis la sencon kaj formon donitan de D° Zamenhof, krom, kompreneble, kiam li uzas mem aliloke alian preferindan formon. Por la aliaj vortoj, ni kredis ke ni havis rajton elekti libere inter la formoj kaj sencoj proponitaj de diversaj aŭtoroj.

Multuj plendos ke tiu vortaro estas iom-malplena. Ili ne miros plu kiam ili scios ke ni sisteme forjetis :

1° Vortojn pure naciajn kiel *barĉo, bekeŝo, abituriento solicitoro*, kc., kiuj estas esperantaj nur okaze, ĉar ili ne apartenas al la mondo internacia (vidu *Lingvo Internacia*, 1984, n° 9, M. Laignier, *Pri advokato*).

2° Vortojn plene internaciajn pri kies senco estas neniel dubeble kaj kiuj ne naskas devenaĵojn, tiel : *lokomotivo*.

3° Vortojn tre aparte teĥnikajn, por kiuj oni bezonus ega klarigo sen ĝusta rilato kun ilia graveco en komuna lingvo, tiel : *kringo* (kukarto), *krisolo* (fiziko), aŭ nomojn de tre maloftaj bestoj, kiel *zoarko*.

4° Maloftajn vortojn kies sencon malgraŭ ĉiuj klopodoj ni ne povis kontentige precizigi, kaj flanke de kiuj ekzistas samsencaj preferindaj radikoj.

5° Fine, ni lasis la *landajn nomojn*, pri kiuj estis tiel disputate kaj kiujn nur la landanoj mem havas rajton fiksi.

Tiel en nia vortareto restas nur la *esenco* de la lingvo, tiujn vortojn kiujn bona esperantisto devas koni perfekte rilate la senco kaj la uzado.

* * *

Pri la difino de la senco, ni penis doni al ĝi la pli grandan amplekson, akordeblan kun la precizeco. Sed tio ne estis ĉiam facile. Pri la *verboj*, nome, kio estis pli disputate ol ilia signifo ? En iu vortaro tiu verbo estas aktiva, en aliu neŭtra. La uzado eĉ ne informas nin en tia okazo, ĉar tre ofte oni trovas *akuzativon sen prepozicio* post verbo neŭtra. Kiu, diros al ni, ekzemple, ĉu *timi* estas aktiva aŭ ne ? (Vidu : *Lingvo Internacia*, jaroj 1903-1904, *kritiko*). En tiu ne baldaŭ finonta disputo ni ne volis preni partion. Ni nur faris la jenon por ne lasi la lernanton en dubo : kiam la formo participa pasiva (ATA) estas kutima ĉe bonaj aŭtoroj, ni markis per la cifero 2 ke la verbo akceptas la 2 formojn. En mala okazo ni metis la ciferon 1. Kiam fine estis plene dube ni metis simplan signon ? en espero ke pli sperta solvos la demandon.

* * *

Je ĉia gramatika vorto ni penis doni klarigon, ĉu pri ĝia signifo, ĉu pri ĝia uzado. La sencon de la signifoj precipe ni provis difini precize laŭ la plej ĝenerala uzado.

Por mallongigi ni kunigis en unu sola artikolo radikojn, kelkfoje multajn, sed evidente rilatajn al la sama prasenco, kiel : *federo, federacio, federala, federalismo, konfederi*, kc. Unuvorte nia regulo ĉefa estis ĉiam *simpligi* kaj *precizigi.*

* * *

Se ĝi estus perfekte farita, tia vortareto povus liberigi la esperantistojn de la neceseco, kaj ankaŭ de la danĝero de tro plenaj vortaroj naciaj, kaj permesos al ili kontentigi sin per leksikonoj por lernantoj. Efektive, nia lingvo ne estas aro de kutimaj esprimoj kiujn oni devas ĉerpi el la aŭtoroj, sed de logikaj kombinaĵoj kiujn la uzado instruas venigi de la praradikoj. Tiel, se ekzemple ni prenas pecon de franc-latina vortarego kaj ĝin tradukos laŭvorte en esperanto, aŭ ni ricevos *La Palis' aĵojn*, aŭ malĝustajn tradukojn.

Anstataŭ tio, se la lernanto, ne paliĝante antaŭ vortarego ĉiutage kreskanta bone ellernas la justan prasencon de la radikoj, li scios baldaŭ mem formi ĉion, kion li bezonas kaj evitos erarojn de traduko kontraŭ kiuj la plej bona vortaro neniun sukcesos ŝirmi.

* * *

Malfeliĉe, nia modesta provo estas ja malproksime de tiu dezirindaĵo. Ni esperas, ke niaj legantoj ne rifuzos helpi nin per sia scienco kaj sperto, kaj ne ŝparos al ni la konsilojn por korekti la erarojn, plenigi la mankojn, efektivigi ĉiam pli da simpleco kaj pli da precizeco.

PAUL BERTHELOT.

## Tabelo de Mallongigoj kaj Signoj

| | | | |
|---|---|---|---|
| — | ripetas la radikon aŭ la vorton pri kiu oni parolas | k | kaj. |
| = | signifas : ekzemple | kc. ktc. | kaj ceteraj, kaj tiel cetere. |
| \| | montras ŝanĝon de senco aŭ disigas partojn de artikolo | ktp. | kaj tiel plu. |
| | | k:, komp : | kompare |
| * | signifas : vidu tiun vorton en alfabeta loko | mb. | malbona uzado. |
| | | mez. | mezuro. |
| adj. | adjektivo | milit. | militarto. |
| adv. | adverbo | muz. | muziko. |
| E. S. | Esperanta Sintakso de P. Fruictier | prep. | prepozicio. |
| | | t.e | tio estas. |
| fil. | filozofio | teol | teologio. |
| fin. | financarto | v. | vidu. |
| g. | genero (de arboj, bestoj kc.) | veg. | vegetaĵo. |
| ĥem. | ĥemio | zool. | zoologio. |
| ins. | insekto | ktp. | |

*(daŭronta)*

